BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO

# BE

ISSN 1678-0930







95-a jaro
N-ro 322
Jan/Mar 2003
R$ 7,00

Abontarifo / Kategorio 1: Latinameriko, Afriko, Ĉinio, Bharato, Orienta Eŭropo - US$ 10,00 / Kategorio 2: Usono, Kanado, Japanio, Tajvano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo. - US$ 15,00

## PIV

Sylla Chaves faras sian komentarion

## Symilde kaj G. Ledon

Ne plu estas inter ni

## Intervjuo



Geraldo Mattos parolas pri la Akademio de Esperanto, esperantigindaj verkoj de la brazila literaturo kaj aliaj gravaj aferoj

# LULA

## La espero venkis la timon

ANTAŬKONGRESA KAMPANJO POR LEGADO DE INTERESAJ LIBROJ
Valida ĝis la 31-a de junio 2003

Profitu la rabatitajn prezojn por legi bonajn librojn, por distriĝi, por donaci librojn al viaj amikoj, por plibonigi vian esperantan scion pere de verkoj de akademianoj kaj de aliaj esperantaj eminentuloj.

## JEN LA ŜANCOJ:

SIMBOLOJ: libro, komentario, aŭtoro, nombroj da paĝoj, grando, rimarko

### LA METAMORFOZO
Fama verko kaj fama aŭtoro. 58 paĝoj de atentokapta legaĵo. Tradukis: Haupenthal, R.
**Ordinara prezo:** R$ 9,00 € 5,25
**Prezo kun rabato:** R$ 6,00 € 2,50
Franz Kafka 58 14 x 21 cm Broŝuro

### VERE AŬ FANTAZIE
44 rakontoj verkitaj de la fama aŭtoro C. Piron. Libro **vere** taŭga, ne nur **fantazie**, por ke vi distriĝu kaj samtempe plibonigu vian lingvoscion.
**Ordinara prezo:** R$ 24,00 € 12,00
**Prezo kun rabato:** R$ 17,00 € 6,00
Claude Piron 239 14 x 21 cm Broŝuro

### LA MIRINDA VOJAĜO DE NILS HOLGERSSON
Envolviĝema legaĵo. La plej vaste konata el la sveda literaturo. La aŭtorino estis la unua virino kiu ricevis la nobelpremion pri literaturo. Se vi iros al la UK en Svedio, jen plia motivo por ke vi legu ĉi tiun libron.
**Ordinara prezo:** R$ 56,00 € 22,00
**Prezo kun rabato:** R$ 40,00 € 11,00
S. Lagerlof 614 14 x 21 cm Broŝuro

### KANAANO
Enmigrinto fiksiĝis en Brazilo celante trankvilan vivon en harmonio kun homoj kaj naturo. La aŭtoro famiĝis en la brazila literaturo.
**Ordinara prezo:** R$ 10,00 € 5,00
**Prezo kun rabato:** R$ 4,00 € 2,00
Gra a Aranha 188 14 x 21 cm Broŝuro

### LA OLDULO KAJ LA MARO
La libro kaptas la atenton dum la tuta legado. Dufoje aperis filmo protagoniita de la famaj aktoroj Spencer Trayce kaj Anthony Quinn. La aŭtoro estis nobelpremiito en 1954.
**Ordinara prezo:** R$ 12,00 € 8,00
**Prezo kun rabato:** R$ 8,50 € 4,00
Ernest Hemingway 95 14 x 21 cm Broŝuro

### LA BAPTOFILINO
La aŭtoro studis filozofion kaj bone konis 20 lingvojn. Krom lerta verkisto, li estis konsiderata ankaŭ modela tradukisto. En ĉi tiu verko li prezentas amhistorion inter 30-jara viro kaj 11-jara knabineto, originale verkita en Esperanto. Antaŭ ol skandaliĝi, bonvolu legi la verkon kaj juĝu vi mem.
**Ordinara prezo:** R$ 18,00 € 9,00
**Prezo kun rabato:** R$ 10,00 € 4,50
Jon Mirande 94 14 x 21 cm Broŝuro

### SUR LA BORDO
Romano, kvankam skribita antaŭ 30 jaroj, la verko estas aktuala: "...ĝi avertas nin, ke tria mondmilito estus la fina konflikto, ĉar la atombomboj en la arsenaloj de la superpotencoj jam superas la nombron, kiu sufiĉus por detrui ĉian vivon de nia planedo". Enkonduko, p. 1. Tiu verko inspiris filmon en kiu stelrolulis Ava Gardner kaj Gregory Peck.
**Ordinara prezo:** R$ 24,00 € 6,85
**Prezo kun rabato:** R$ 14,00 € 3,00
Nevil Shule 254 14 x 21 cm Broŝuro

### BARBARAJ SONOJ KAJ SONETOJ
Rejunigu vian animon legante ĉi tiun libron, ĉar, laŭ diris Geraldo Mattos: "...la animo de poeto juniĝas pli kaj pli, dum la korpo pli kaj pli oldiĝas. Kompreneble, la korpo de la lingvisto".
**Ordinara prezo:** R$ 8,50 € 5,25
**Prezo kun rabato:** R$ 6,00 € 2,00
Geraldo Mattos 80 14 x 21 cm Broŝuro

### EL MIA BUDUARO
Jen plia esperanta poemaro de Urbanová, famkonata kaj produktiva ĉeĥa verkistino, kiu scias, per krajono en la mano kaj per belaj elektitaj vortoj, ŝpruci siajn sentojn el animo. Krom Esperanto, ŝi uzas la universalan lingvaĵon de la amo.
**Ordinara prezo:** R$ 9,00 € 6,00
**Prezo kun rabato:** R$ 5,00 € 2,00
E. Urbanová 71 14 x 21 cm Broŝuro

PLENIGU LA SUBAN SLIPON KAJ SENDU ĜIN AL BEL

Caixa Postal 03625
Brasília-DF, CEP 70084-970
Tel.: (61) 226-1298 - Fax: (61) 226-4446
bel@esperanto.org.br - http://www.esperanto.org.br

Brazila Esperanto-Ligo

## Mendilo

Nomo ........ ☐ viro ☐ virino
Adreso ........
Retadreso ........
Dato ..../..../.... Subskribo ........

| KVANTO | VAR-INDIKO | VAR-VALORO | PARTA SUMO |
|---|---|---|---|
| | | | |
| | | | |
| | | | |
| | | | |
| | | | |
| | SUMO | | |
| | SENDOKOSTO 10% | | |
| | ENTUTE | | |

**Pagmanieroj:**
☐ Depono en nian UEA-konto "beli-r
☐ Kreditkarto VISA n-ro ____-____-____-____
limdato __-__ Tri lastajn ciferojn de la dorsflanko de la karto ___
☐ Depono en unu el la du jenajn kontojn:
1. MeesPierson, Postbus 749,3000 AS Rotterdam, Konto 25.52.89.804;
2. ABN-Amro Bank, Postbus 949,3000 DD Rotterdam, Konto 42.60.51.599. Pro banka depreno aldonu 6,81 EUR. Poste, informu UEA-n pri la depono kaj petu de UEA la koncernan ĝiron al nia konto "beli-r".

# BE Enhavo

Brazila Esperantisto
Nacia kaj Internacia Kulturoj
95-a Jaro • N-ro 322
Jan / mar 2003




## Kovrilo



Lula estas la nova Prezidento de Brazilo! Ĉu bezonas ion pli por reliefigi lin?

**Pri la nuna numero**

## BE perdis pezon, sed ne la ĉarmon

Kiel rimarkeblas, Brazila Esperantisto maldikiĝis. Ekde nun ĝi estas 24-paĝa. Nuntempe ŝpari bezonatas. Kompense, ĝi estas multe pli kolorriĉa! Do, ne perdu plu vian tempon! Ĝuu ĝin! Tamen neniel malatentiĝu: por ke BE plenumu sian rolon, via kunlaboro estas treege grava.


**Abonmendoj**

- Pagebla pere de depono en nian UEA-konton " beli-r" aŭ pere de kreditkarto VISA.
- Se vi elektas pagi pere de kreditkarto VISA, bonvolu informi pri la karto numero, la validecon kaj la tri lastajn ciferojn de la dorsflanko de la karto.
- Adreso de la redakcio: C. P. 03625 poŝtakodo BR-70084-970 Brasília - Brazilo
- Retadreso: bel@esperanto.org.br
- Depono en unu el la du jenajn kontojn:

1. MeesPierson, Postbus 749,3000 AS Rotterdam, Konto 25.52.89.804;
2. ABN-Amro Bank, Postbus 949,3000 DD Rotterdam, Konto 42.60.51.599. Pro banka depreno aldonu 6,81 . Poste, informu UEA-n pri la depono kaj petu al UEA la koncernan ĝiron al nian konton "beli-r".

**Abontarifo**

Kategorio 1: Latinameriko, Afriko, Ĉinio, Bharato, Orienta Eŭropo. - US$ 10,00
Kategorio 2: Usono, Kanado, Japanio, Tajuano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo. - US$ 15,00

Bv. informi: Vian nomon, sekson, korespond-adreson, retan adreson.

# Ŝanĝoj kaj esperoj

Ofte aŭdiĝas, ke la nunaj momentoj de la homaro estas ŝanĝemaj tempoj. Feliĉe, precipe por brazilanoj, la ŝanĝoj estas salutataj kun ĝojo kaj espero por pli bona proksima estonto.

Efektive okazis unikaĵo ĉe la brazila politika historio kaj raraĵo en la tuta mondo: deveninto el la plej senaĵaj sociaj tavoloj, prenis mandaton de prezidento de la lando. Tiu okazintaĵo vekis ĉe la plej granda parto de la popolo tian eŭforion, kiel estus la popolo mem enpostenigita ĉe la respublika prezidenteco. La plejmulto estas esperplenaj. La kovril-raporto volis registri tiun historian momenton de Brazilo. Por ni, esperantistoj, agrabla aspekto estis la partopreno de esperantistoj en la festa enpostenigo de Luiz Inácio Lula da Silva, kiel pruvas la foto ĉe la raporto.

Ŝanĝoj ankaŭ okazis ĉe la skipo de nia revuo. Adiaŭis nin kamarado Fabrício Valle, kiu kompetente kaj plaĉeme gvidis la destinon de Brazila Esperantisto dum la lastaj du jaroj. Tiuj, kiuj ĝuis la 8 numerojn ĉef-redaktoritajn de li, dankas lin kaj deziras al li sukceson ĉe liaj novaj faroj.

Rilate al la nova ĉef-redaktoro, enkondukita al tiu pozicio sekve de premanta situacio, li klopodos elteni la revu-nivelon. Por sukcesi tion, komprenеble li kalkulas je la daŭra apogo de la esperantistoj. Tiu apogo ne estas komplika. Sufiĉas atenti pri kio okazas ĉe via loka esperanta medio kaj raporti tion al BE. Se vi volas fari anoncon pri iu okazontaĵo, konsideru ke la revuo estas trimonata kaj tutcerte ĝi estos disdonota ĉe la fino de la koncerna trimestro aŭ ĉe la komenco de la venonta. Sed okazinte evento, ne preteratentu ĝin. Verku teksteton raportanta pri la fakto.

Legantoj, pli ol neniam la elvokiva devizo de Brazila Esperanto-Ligo aktualas kaj nepras ĉimomente. Por la daŭra sukceso de nia revuo, tre bezonata estas ke efektive NI LABORU KUNE!






**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477

Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo • Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser

95-a Jaro • Januaro / Marto 2003 • N-ro 322

Aperas trimonate

**Eldona Stabo**

**Respondeca Ĵurnalisto** Emerson Werneck RG 06254JP/MG **Ĉefredaktoro** Carlos Maria

**Konstantaj kunlaborantoj** Carlos Alberto Pereira, Cícero Gabriel,José Carlos Dorini Ramos, José Saraiva Mattos, Lício de Almeida Castro Luciano Barbosa da Silva, Wilson Alvares de Oliveira **Ĉi-numeraj kunlaborantoj** Adirson M. Lima, Adolpho de M. e Silva, Aloisio Sartorato, Benedicto Silva, Elma Nascimento, Eluízio B. Rodrigues, Fabrício Valle, Gacy Simas, Geraldo Mattos, Giorgio Silfer, Hilmar I. S. Ferreira, Isis Climany Okabe Piton, James Piton, Lília Ledon da Silva, Néia Lúcia, Paulo A. Cardoso, Sylla Chaves

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo** Elison de Novais Simas **Grafika asistado** Luciana do Nascimento Maria **Revizio kaj tradukado** BEL-asesorskipo

Redakcio ĉe BEL-sidejo

Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem . Abonebla ĉe UEA kaj ELNA




**Sidejo** Ed. Venâncio III - Sala 307, Setor de Diversões Sul **Poŝtadreso** Caixa Postal 03625, CEP 70084-970 Brasília - DF
**Telefono** (0xx61) 226 1298 **Fakso** (0xx61) 226 4446 **Retadreso** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo** www.esperanto.org.br

# Geraldo Mattos

*Prof-ro Geraldo Mattos estas unu el la plej elstaraj eminentuloj de la monda esperanto-movado. Li estas la Prezidanto de la Akademio de Esperanto, aŭtoro de diversaj literaturaj kaj didaktikaj verkoj, tiel en la kampo de Esperanto, kiel en la portugallingva areo. Li estas tre admirata ankaŭ pro la klareco kun kiu li prezentas siajn ideojn kaj instruojn. Geraldo Mattos estas orgojlo de ne nur Brazilo, sed de tuta Esperantujo. Havi lin kiel intervjuito de BE estas fakto, kiu nin plenigas de ĝojo kaj kontento. Do, ni iru al la intervjuo.*

**Brazila Esperantisto (BE)** Ĉu Akademio de Esperanto fakte ludas gravan rolon en la evoluo de Esperanto? El kio ĝi konsistas?

**Geraldo Mattos (GM)** La instruistoj de la portugala lingvo frontas gravan problemon, kiam ili devas juĝi redaktaĵon de lernanto, ĉar la lingvo de la skribitaj gramatikoj estas sufiĉe diferenca de tiu, kiun aplikas verkistoj kaj ĵurnalistoj en sia kultivita normo: kial la Brazila Akademio pri Letroj ne verdiktas, ke tia kaj tia uzo estas nun legitima de tio, ke ĝi fariĝis absolute komuna en la tuta brazila teritorio? Bedaŭrinde, nia nacia Akademio estis kreita por aliaj celoj, dum la Esperanta estas efektive nur okulo atente direktata al la parolado kaj al la verkado en nia verda idioma! Tion postulas la unua artikolo de ĝia Statuto.

**BE** Kiu libro el la brazila literaturo nepre kaj tuj devus esti esperantigita?

**GM** Mi volus vidi la tutan verkon de Cecília Meireles en Esperanto post traduko de alia same sensiva esperantistino.

**BE** Kion fari por evoluigi la tradukad-arton en Brazilo?

**GM** La emo traduki ja dependas de la konscio, ke la farita laboro estos certe publikigata. Tradukistoj kaj eldonistoj estas eroj de la sama ĉeno...

**La Akademio trairas nun krizon, sed tio estas ordinara afero, ĉar la tuta mondo krizas: kial ne ni?!**

**BE** Iam vi estis seminariano kaj volis fariĝi pastro. Kiel tio influis en via vivo?

**GM** Se mi plu vivus en mia naskourbo, eble mi neniam aŭdus pri Esperanto. Mi trovis libron pri Esperanto en la biblioteko de la Franciskana Seminario de la paranaa Rio-Negro, kaj tio estis la komenco de mia dua vivo: la verda.

**BE** Ĉu la fakto, ke vi estas prestiĝa profesoro pri la portugala lingvo favoris la disvastigadon de Esperanto en la universitata beletra medio?

**GM** Certe ne, ĉar mi ĉiam laboris kaj ĝis nun laboras ekster la kultura akso de Brazilo, kaj miaj plej multaj libroj temis pri lingvoinstruaj aspektoj de la antaŭuniversitata lernejo. Kelkaj aliaj lingvaj esploroj estis tiel futurismaj, ke mi estis taksata freneza. Prof. D-ro Ataliba iam resumis la ĝeneralan opinion pri miaj ideoj: Vi certe eraras, ĉar ĉiuj miaj verkoj valorus nenion, se viaj pensoj pri la verko estus veraj...



**BE** Kio mankas por ke Esperanto pli vaste disvastiĝu en la universitata medio?

**GM** Mankas profesoroj, kiuj spiras Esperanton. Mi nun laboras en la Universitata Centro Campos de Andrade, kaj estas asociita direktoro de la Revuo Uniandrade, kiu diras en siaj Informoj al la Aŭtoroj: Os artigos podem ser escritos em português, espanhol, francês, inglês ou Esperanto[1]. Kaj la verda estas la sola lingvo, kiu komenciĝas per majusklo...

**BE** La muzikisto Flávio Fonseca lanĉis la kodiskon Simbiozo, kies muziktekstoj estis aŭtoritaj de vi. Kio pri la sperto?

**GM** Mi neniam trovis taŭgajn vortojn por danki lin por lia omaĝo al mi. Mi tiel flamiĝis, ke mi intencas kodoigi kelkajn el miaj komponaĵoj, tekstoj kaj muzikoj. Mi atendas la disvendon de mia "Dicionário Júnior da Língua Portuguesa"[2]...

**BE** Ĉu valoris la penon fariĝi prezidanto de la Akademio de Esperanto?

**GM** La Akademio trairas nun krizon, sed tio estas ordinara afero, ĉar la tuta mondo krizas: kial ne ni?! Ni tamen plu esperas. Cetere, kiam temas pri nia lingvo, ĉio valoras la penon, eĉ esti prezidanto de la Akademio...

**BE** El viaj libroj, kiu plej vaste vendiĝis?

**GM** Mia jam citita "Vortaro Fila de la Portugala Lingvo", kiu estis jam dufoje aprobita de sektoro de nia Ministerio pri Edukado.

**BE** Ĉu vi intencas plu verki?

**GM** Mi nun separiĝis, kaj trairas ian ŝtorman veteron, sed post kelkaj tagoj (hodiaŭ estas la 2003.02.07) komenciĝos miaj lecionoj kaj miaj gestudentoj revivigos min.

**BE** Kiujn el niaj esperantaj aŭtoroj vi plej alte taksas?

**GM** Marjorie Boulton, kiun mi ĉiam amis per mia plej verda koro.

**BE** Ĉu nia originala poezio plene maturas? Kiuj estas la nuntempaj korifeoj de nia poezio?

**GM** Nia originala poezio estas tiel bona, kiel alia de ajna etna lingvo de la mondo. Krom la aminda virino de la antaŭa respondo, William Auld.

**BE** Lasu nun vian mesaĝon al la esperanta publiko precipe al niaj legontoj.

**GM** Mi preferas lasi mian mesaĝon al viaj legantoj, ĉar mi ne scias, kiam viaj legontoj venos al via revuo... Mallonga mesaĝo: Plu tenu la torĉon!!!

[1] *La artikoloj povas esti verkitaj portugale, hispane, france, angle aŭ en Esperanto*
[2] *Vortaro Fila de la Portugala Lingvo*

## *Biografiaj informoj*

MATTOS, Geraldo. 1931. Brazilano; lektoro. Esperantisto de 1948. Kunlaboranto de "Fonto". En la portugala lingvo verkis pli ol tridek librojn pri la instruado de la portugala lingvo kaj pri lingvistiko.

Esperantaj verkoj:
*La tento de la junulo* (poemo 1953); *Ivan la sesa* (kvinakta teatraĵo 1953); *La nigra spartako* (rakonto 1955); *Miniaturoj* (japaneskaj poemoj 1959); *Arĉoj* (sonetaro 1967); *Ritmoj de vivo* (poemaro 1968); *Barbaraj sonoj kaj sonetoj* (poemaro 2000); Almeida, José Américo de: *La bagasejo* (tradukita romano 1985); *La deveno de Esperanto* (1987); Dantas, Julio: *La supeo de la kardinaloj* (tradukita unuaktaĵo 1997); Bloch, Pedro: *La manoj de Euridicia* (tradukita teatraĵo 1997); Picchia, Menotti del: *Joĉjo Mulato ; La maskoj* (tradukitaj poemoj 1997); *La servorajto (kaj) La sinmortigo* (dramoj 1997); *William Auld en Esperanta Antologio*, 1984.

Legu poemojn de Geraldo Mattos:
*Kvin sonetoj kaj unu odo; Mistero; Sangaj epokoj.*

Legu fabelojn de Geraldo Mattos:
*La amika malamiko; La fluganta knabino; La petolema knabo.*




Informoj el la hejmopaĝo <*http://dreamwater.net/esperanto/roman/mattos.html*>.

# Disponigado de artikoloj

Komunikado de esperanta novaĵ-agentejo "Ret-info" faciligas diskonigadojn de freŝaj noticoj.

Jen la teksto disdonita:

**Oferto de EU-Komunikadcentro al Esperanto-ĵurnalistoj**

Mallonge:

UEA kun EEU aktivigis servon, kiu disponigas al vi artikolojn, kiujn vi povas adapti al via lando, traduki al via lingvo kaj dissendi al viaj ĵurnalistoj.

Se vi volas ricevi ilin sendu mesaĝon al:

Brusela Komunikadcentro, rete: *marko.lins@lingvo.org* .

Detale:

Estimataj Esperanto-ĵurnalistoj kaj redakcianoj, kiel Vi certe scias la Brusela Komunikadcentro (BKC), projekto de Eŭropa Esperanto-Unio, subtenata de Universala Esperanto-Asocio, celas plibonigi la publikan bildon pri Esperanto per tre diverscelgrupa agado. Unu el la ĉefaj agadkampoj de la Komunikadcentro estas la gazetara agado, kaj movada kaj ekstermovada.

La Komunikadcentro produktas averaĝe unu artikolon ĉiutage pri tre diversaj temoj, ofte ligitaj al lingva aŭ lingvopolitika fenomenoj. Pro la aktualeco ni ilin ofte aŭ aperigas sur la diskutlisto de EEU, ĉe la nova Esperanto-interretportalo *gxangalo.com* aŭ ĉe aliaj Esperanto-revuoj.

Tamen pluraj komunikoj aŭ artikoloj havas malpli fortan aktualecon kaj povas esti interesaj por Viaj legantoj. Ni povas al Vi liveri la esperantlingvajn originalajn tekstojn tiel ke Vi povas rekte transpreni, modifi aŭ traduk(ig)i ilin nacilingve kaj uzi por Via propra eldonaĵo. Bonvolu registriĝi ĉe ni retpoŝte, se Vi interesiĝas pri tiu kunlaboro. Ni kompreneble niaflanke ĝojas pri ĉiuformaj sciigoj pri temoj ligitaj al Esperanto kaj al lingvo ĝenerale.

Amike Marko Naoki LINS

Brusela Komunikadcentro

(BKC) Eŭropa Esperanto-Unio

Rete: *marko.lins@lingvo.org*

Tel./Fax +32-2-640.5384 (rekte)

*www.lingvo.org*

*www.esperanto.net*

*fonto: ret-info http://www.eventoj.hu*

# Esperanto en kabla TV

Je la 20-a de marto, la estraro de Brazila Esperanto-Ligo kune kun la prezidanto de Esperanto-Asocio de Brasília kaj la prezidanto de Taguatinga Esperanto-Klubo, kunveniĝis kun reprezentanto de Kabla Televid-entrepreno "Mais TV" – Sr. Hermano Studart Lins de Albuquerque, esperantisto kaj membro de BEL, por pritrakti la temon "Esperanto en TV". Vere la afero ne estas projekto. Ĝi estas jam realaĵo. La laboro estas entreprenata kune kun la organizaĵo "União Planetária" (Planeda Unuiĝo), kiu havas la teknikan aparataron kaj kompetentajn homojn por produkti filmojn.

Planeda Unuiĝo jam produktis kelkajn filmojn, kiuj estis prezentitaj al televidspektantoj. Je la sama tago okazis dufoje prezentado de duon-hora programo pri Esperanto: je la 9-a kaj duono matene kaj je la vespero.

Se vi volas/volos kunlabori kun la programo, bonvolu sendi sugestojn al <*hermano@itsa.com.br*> menciante kiel temon: Sugestões para o Programa de Esperanto na TV (Sugestoj por la programo Esperanto en TV) aŭ al Brazila Esperanto-Ligo, Poŝtkesto 03625, Brasília (DF), BR-70084-970, skribante surkoverte la frazon **"Programo Esperanto en TV"**. Skribu esperante aŭ portugallingve, sed prefere portugallingve, ĉar la programo celas informi pri Esperanto al tiuj, kiuj ne konas ĝin.

# ĜANGALO, LA NOVA SENSACIO DE ESPERANTIO

Por ke la legantoj de BE estu plej efike klarigitaj pri Ĝangalo, ni transskribas la respondojn prezentitajn de la respondeculoj en la Portalo mem rilate al tri bazaj demandoj.




## Kio estas Ĝangalo?

Ĝangalo estas la kontribuo de kompetenta kaj talentplena skipo de homoj, kiuj dum preskaŭ unu jaro laboregis por liveri al la esperantistoj *veran* portalon en Esperanto.

Ĝis nun en la virtuala Esperantio mankis vera portalo, en la senco de noticejo, kun ĉiutaga aktualigo, kun pluraj kaj abundaj alireblecoj, kun ligiloj la plej diversaj kaj elŝutaĵoj. Mankis, ne plu mankas, ĉar ekde la 18-a de januaro 2003 Esperantio povas fieri posedi unu el la plej modernaj informejoj de la reto - Ĝangalo - *la* E-Portalo.

## Ĉu la portalo estas senpaga?

Jes, Ĝangalo estas tute senpaga, alirebla de ĉiu esperantisto ie ajn en la mondo. Monon, kiam ĝi venos, ni akiros per la vendo de reklamspacoj ĉe la portalo, t.e. per banderoloj (*"banners"*), kaj per partnerigo de kelkaj entreprenoj kaj firmaoj amikaj de Esperanto.

## Kial mi ne povas aliri en kelkaj lokoj de la portalo?

Por aliri en ĉiuj lokoj de la portalo Ĝangalo, endas (kaj ja indas) registriĝi. La registriĝo estas senpaga kaj rapida, kaj la celo estas havigi al ni liston de uzantoj, per kiu ni povos okazigi eventojn kaj ekestigi retan komunumon de Ĝangalo-membroj.

Registritaj membroj ne nur havas plenan kaj tujan aliron en ĉiuj lokoj de la portalo, sed eĉ povas uzi mesaĝilon *en Esperanto* por komunikiĝi kun aliaj membroj.

Membriĝi estas senpage...kion vi atendas? Registriĝu tuj!

El la paĝaro *http://gxangalo.com*



# LULA
## LA NOVA PREZIDENTO DE BRAZILO

### REKORDA VOĈDONADO

Je la 27-a de oktobro 2002, la brazila popolo elektis la laboriston Luiz Inácio Lula da Silva kiel Prezidenton de Brazilo, pere de pli ol 52 milionoj da voĉoj - la plej alta voĉkvanto iam ajn ricevita de kandidato al tiu posteno dum la tuta brazila historio kaj la dua en la tuta mondo, nur venkita de la elekto de Ronald Reagan, la usona eksprezidento.

### LULA KAJ SIAJ DEVENOJ

Lula naskiĝis en Caetés, vilaĝo apartenanta al Garanhuns - unu el la plej malriĉaj municipoj de la ŝtato Pernambuco (Nordorienta Regiono de Brazilo), je la 27-a de oktobro 1945, laŭ naskiĝatesto. Tamen, lia patrino certigas, ke la ĝusta dato estas la 6-a de la sama monato kaj jaro. Koincide la 6-a kaj 27-a estis ĝuste la tagoj, kiam okazis la 1-a kaj 2-a fazoj de la historia balotado. Lula apartenis al familio kun 8 gefratoj. Lia patro Aristides Inácio da Silva kaj lia patrino Eurídice Ferreira de Melo, kromnomita S-ino Lindu, estis terkulturista familio. La patrino estas konsiderata la persono, kiu plej profunde influis la infanperiodon de Lula. La patro vojaĝis al Santos, urbo de la ŝtato São Paulo, kiam S-ino Lindu gravedis je Lula. En la jaro 1952 ŝi vendis siajn posedaĵojn, prenis siajn gefilojn kaj vojaĝis cele renkonti sian edzon. Alvenante en Santos, ŝi surpriziĝis konstati ke S-ro Aristides estigis kroman familion!

### LERN- KAJ LABORSPERTOJ

Lula lernis ĝis la 5-a klaso de elementa lernejo. Antaŭ la malfacilaĵoj de nantaj de la separado de la gepatroj kaj estante tiam nur 7-jara, li eklaboris kiel ŝupurigisto kaj kolportisto por helpi la familion. Estante 12-jara, Lula sukcesis sian unuan oficon en lavbutiko, ĉe kiu vestaĵojn li lavadis kaj liveradis al la klientoj. Poste li laboris kiel kontorhelpanto; 14-aĝe, li eklaboris ĉe metalurgientrepreno kaj tiam li havis eblecon sekvi kurson en lernejo de "SENAI – Servi o Nacional de Aprendizagem Industrial" (Nacia Servo cele Industria Lernado), kaj sukcesis diplomon pri Teknika Kurso pri Mekanika Tornisto. Tiam oni devigis lin senĉese labori ĝis 12 horoj – de la 7-a vespere ĝis la 7-a matene. Tiam li suferis akcidenton kaj perdis la maldekstran malgrandan fingron. En tiu periodo Lula alfrontis siajn unuajn strikajn spertojn. La profesio malfermis la vojon al la estonta sindikatestro kaj al la estreco de la brazila maldekstra politika movado.

### LULA, LA SINDIKATISTO

En la jaro 1969, Lula partoprenis en nomaro elektita por estri la Sindikaton de Metalurgiistoj de "São Bernardo do Campo" kaj "Diadema" - du urboj de la ŝtato São Paulo. En 1975, li elektiĝis prezidanto de la menciita sindikato ricevinte 92% el la voĉoj. En 1978, li estis reelektita kun 98% el la voĉoj. Per inteligenta taktiko kaj saĝeco, Lula sukcese estris eĥajn strikojn kaj sekve de tio, li suferis politikajn persekutojn kaj estis arestita. En 1983, li fondis "CUT – Central Única dos Trabalhadores" (Nura Centro de Laboristoj), unu el la plej povaj sindikataj organizaĵoj de Brazilo, nune reprezentanta




Esperantistoj en la enpostenigo de Lula

ĉirkaŭ 20 milionojn da laboristoj.

## POLITIKO PARTIA

### Kreado de Partio de la Laboristaro (PT) kaj la Nacia Asembleo Konstitucia

Je la 10-a de februaro 1980, Lula kun kelkaj amikoj fondis la Partion de la Laboristaro. En la Prifonda Manifesto de PT estas jena celo: "konstrui socion egaligeman, en kiu estas nek ekspluatatoj nek ekspluatantoj". En 1986, kun granda kvanto da voĉoj, Lula estis elektita deputito por reprezenti la ŝtaton São Paulo ĉe la Nacia Asembleo Konstitucia.

## DISPUTADO JE LA PREZIDENTECO

Lula disputis 4 fojojn la brazilan respublikan prezidentecon nome 1989, 1994, 1998 kaj 2002. Apogitaj de aliaj politikaj partioj krom PT, Lula dum la kampanjo kompromisis prioritati esencajn demandojn por la landa socia disvolvigado nome reformoj kampara, tributa, antaŭvidema instituto de la laboristaro kaj porlabora leĝaro; efektiva plialtigo de la minimuma salajro; kontraŭbatalo al la inflacio; la ĝenerala renta distribuado; speciala atento al sektoroj tiaj, kiaj sana, edukada, transveturigada kaj loĝada. Unu el la fundamentaj celoj de la programo defendita de la Lula-kandidateco estis haltigi la procedumadon pri privatigo de la ŝtataj entreprenoj, en defendo de la nacia soberaneco kaj de la publika posedaĵo.

## LA ENPOSTENIGO

Je la 1-a de januaro de la kuranta jaro, Lula estis enpostenigita kiel Prezidento de Brazilo. La okazintaĵo kunvenigis la plej grandan homamason jam estinta en la landa ĉefurbo. Multaj ŝtatestroj kaj reprezentantoj de preskaŭ ĉiuj nacioj ĉeestis la eventon, kiu estis noticoj en la plej gravaj gazetoj de la mondo.

El la enposteniga diskurso, la gazetaro, ĝenerale, elstarigis jenajn partojn:

*"Tiel longe estu brazilano malsata, ni hontos".*

De Dio, Lula petis: *"saĝecon, por regadi; distingokapablon, por lukti; trankvilecon, por administri; kuraĝon, por decidi; kaj am-koron tiel granda kiel Brazilo, por senti sin ĉiutage kunigita al ĉiu brazilano dum la venontaj 4-jaroj".*

*"Mi ne estas rezulto de balotado. Mi estas rezulto de histori-procezo. Mi konkretigas sonĝon de generacioj, kiuj, antaŭ mi, klopodis konkretigi, tamen ne sukcesis".*

*"La espero finfine venkis la timon. Ni faros la bezonatajn ŝanĝojn kuraĝe, zorgeme, humile kaj sentime".*

*"Ni garantios teron al tiuj, kiuj volas ĝin prilabori".*

*"Mi jam diris kaj rediris: disponigi laboreblecojn estos mia obstino".*

*"Ni valorigos la multflankajn organizaĵojn, specife la Unuiĝintan Naciaron. La rezolucioj de la Sekur-Konsilantaro estas nepre plenumendaj".*

*"Mi dankas al Dio alveni tien, kien mi alvenis: mi estas nun la ŝtatoficisto numero 1 de mia Lando".*

## LULA KAJ LA PERSPEKTIVOJ POR ESPERANTO EN BRAZILO

Por spekti la fest-enpostenigon de Lula, tie ankaŭ estis reprezentantaro de la esperanto-movado. **Vidu foton en la antaŭa paĝo.** Ankaŭ la esperantistoj havas siajn esperojn. Kaj ne senkiale. La enpostenigita Ministro pri Edukado estas Profesoro Cristovam Buarque, kiu jam elmontris simpation al Esperanto. Kiam tiu Profesoro estris la ĉefurbon de Brazilo, tiam estis aprobita la Leĝo n-ro 912, de la 13-a de septembro 1995, kiu permesis al la publikaj lernejoj de Federacia Distrikto instrui Esperanton.

## KONKLUDO

Dum la lastaj 21 jaroj, Lula trairis la landon de flanko al flanko. Raras municipoj, kiujn li ne surpaŝis. Lula kunportas survizaĝe la signon de la indignigado. Li restis markita pro la mizero, kiun li suferis. La malsato; la infanlaboro kiel kolportisto ĉe ebenaĵo de Santos; la frustracio renkonti la patron kun alia virino kaj gefiloj; la humiligo esti barita en kinenirejo pro tio, ke li surmetis neadekvatajn vestaĵojn; la nokta penlaboro, kiu kostigis al li unu el siaj fingroj; la perdo de la unua edzino kaj naskiĝonta filo mortintaj ĉe hospitalo. Pro tiom da vivriĉaj spertoj, Lula iĝis la granda espero de plejmultaj brazilanoj, ĉefe de la socitavoloj plej senhavaj. E

# Aviada Terminaro



## G. R. Ledon

Tiu ĉi libro bone soriris kaj flugas nun laŭ favoraj ventoj.
Jen parto de recenzo kiu aperis en la revuo "Gazeto" n-ro 103, de la 15-a Dec 2002, p. 23-a:




*"Ĝi estas nemalhavebla helpilo, ne nur por esperantistaj pilotoj, sed ankaŭ terminara fonto por ni nun, kiam la teknika lingvo prenas pli kaj pli gravan lokon en la ĉiutaga vivo. Sed super ĉio ĝi konsistigas la plej firman bazon por enkonduko de Esperanto en flugmedioj. Dankegon, Gilbert, pro via kolosa laboro, kaj dankon, Fonto, pro via bela eldono".*

*Johano.*

**AVIADA TERMINARO**
**Ordinara prezo: R$ 25,00 € 15,00**
**Prezo kun rabato: R$ 17,50 € 8,00**
Gilbert R. Ledon 287
14 x 21 cm
Broŝuro

Aĉetebla ĉe BEL

Fonto



# La junularo daŭrigas sian laboron

Isis Climany Okabe Piton*

Ĉiu scias, ke la vivo de junulo estas streĉita pro multa lernado kaj eĉ pli da tempo postulas fakultato. Krom tio, multaj el ni samtempe laboras; do, kiel trovi tempon por amuziĝi, por lerni kaj labori por Esperanto? Nuntempe la plej aktiva diskutlisto (BEJO-listo) estas malvigla. Ĉu tiu silento signifas, ke gejunuloj ne plu movadas? Ĉu ili kabeis?

Ne! Ili daŭras laborante en siaj respektivaj urboj kaj grupoj. Tion mi konstatis en la Renkontiĝo de Sudparaiba Valo en Karagŭatatubo (São Paulo). Tie mi renkontis kelkajn gejunulojn. Ni parolis pri la aliaj kiuj ne venis kaj pri la movado en iliaj urboj. Ĉiuj plendis pro manko da tempo, sed ĉiuj parolis pri siaj faroj en Esperantujo: unuj instruas, aliaj lernas, faras esperantan hejmpaĝon en interreto por asocio, alia laboras en esperanta lernejo ktp... Inter ni preskaŭ ĉiuj partoprenos la nemaltrafindan venontan Brazila Kongreso de Esperanto.

BEJO do daŭrigas sian laboron. En marto estis lanĉita de BEJO, la hejmpaĝo BEJO-Galerio, vizitebla ĉe: *http://www.bejogalerio.kit.net* . Temas pri paĝaro kun fotoj kaj informoj de partoprenantoj de BEJO-listo. Alia novaĵo temas pri la ĉefa paĝo de BEJO, en kiu oni ankoraŭ faras kelkajn ŝanĝojn: *http://www.bejoesperanto.kit.net* . En la ĉefa paĝo oni trovas informojn pri Esperanto, E-movado, pri BEJO, fotojn de la kongresejo kaj informojn pri BEJK 2003, pri *Pasporta Servo*, pri nia revueto *"Momenton!"* ktp...




Ĉiuj jam ricevis la novan numeron de *"Momenton!"*, tre bela danke al la grafika aranĝo de Rogério Borges Grilo (pli konata kiel *DJ Roger*) kaj nia nova redaktorino Graziele Fagundes. Oni povas diri, ke *"Momenton!"* estas promociita de bulteno al revuo.

En Esperantujo ĉiam aperas novaj talentoj. Ni petas ĉiujn, kiuj dum 23 BEJK volas prelegi, kanti, ŝatos deklami poeziaĵojn, teatrumi, danci, instrui ludojn ktp: skribu al *bejoesperanto@yahoo.com.br* aŭ sendu leteron al BEJO - Caixa Postal 1097 – Campinas (SP) - 13001-970. Ĉiuj, kiuj pretigas la aranĝojn kaj sin prezentos ne estas profesiuloj, sed volontulaj aktivuloj. Danke al ili niaj kongresoj iĝas interesaj kaj amuzaj.

*BEJO- Sekretariino

# Marija Almada

## *Nia samideana pentristino*





La violono de Francisco de Souza Almada



Flavaj krizantemoj



La maro ĉe Santos*

(*)Ĉe-mara urbo de la ŝtato São Paulo



Tri el la gajnintaj trofeoj de S-ino Almada

## Pentraĵoj

*Universala Artista Ligo de Esperantistoj (UALE), estas priarta organizo, fondita en 1978 kaj zorgata de S-ino Marija Pozder Almada, sindediĉa kaj art-amanta esperantistino loĝanta en Santos, urbo de la ŝtato São Paulo. Ŝi pentras kaj de longe ekspozicias siajn artpentraĵojn kadre de la brazilaj kongresoj de Esperanto. Ĉi-numere BE omaĝas S-inon Almada prezentante kelkajn el ŝiaj pentraĵoj.*



Fruktoj



"La Belulo" - fama hungara ĉevalo - volonte pozas!



Fotoj: Disconigado

Blankaj kamelioj

# Oficialaj Komunikoj



## 38ª Brazila Kongreso de Esperanto

La plej impona kaj elstara esperanta evento de Brazilo!

Ĝis la 31-a de marto jam aliĝis 303 esperantistoj. Ĉu vi jam aliĝis al la 38ª BKE, okazonta en Belo Horizonte, de la 20-a ĝis la 24-a de julio 2003?

Multaj esperantistoj kiuj havis la feliĉon partopreni en la 21-a BKE, en 1985, ankoraŭ gardas ĉe sia memoro bonajn kaj belajn spertitajn momentojn de tiu sukcesa evento okazinta ĉe la Palaco de la Libereco. La tiama elektita temo estis "Esperanto sur la stratoj". Pro piedira manifestacio, Esperanto estis notico eĉ en la tiama plej spektata televid-programo "Fantastiko", transsendita de TV-Globo.

BEL-estraro klarigas, ke nur respondecas pri aliĝoj, sed *ne* pri hoteloj, komuna loĝejo, ekskursoj kaj tiel plu. Do, la interesuloj bv. kontaktiĝi kun Loka Kongresa Komitato, kies prezidanto estas S-ro Carlos Alberto Leitão Monteiro: retadreso <*caleitao@cemig.com.br*> aŭ Rua Marambaia, 655 - Caiçara - CEP 30770-100 - Belo Horizonte (MG) - tel. (31) 3462-8170.

Vidu la tabelon de aliĝintoj al la 38-a BKE, laŭ federaciaj ŝtatoj kaj el eksterlando:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AC | 0 | ES | 6 | PB | 0 | RR | 0 |
| AL | 5 | GO | 4 | PE | 1 | RS | 13 |
| AM | 0 | MA | 0 | PI | 0 | SC | 0 |
| AP | 0 | MG | 70 | PR | 2 | SE | 1 |
| BA | 12 | MS | 3 | RJ | 56 | SP | 68 |
| CE | 21 | MT | 3 | RN | 5 | TO | 0 |
| DF | 30 | PA | 0 | RO | 0 | Eks* | 3 |
| Kvanto da aliĝintoj ĝis la 20-a de marto 2003: 303 | | | | | | | |

(*) Eksterlandanoj ne loĝantaj en Brazilo.

Sumo de la kotiz-valoroj ricevitaj: R$ 13.585,00

## 88ª Universala Kongreso de Esperanto

Al ĉiuj kiuj volas partopreni en la venonta UK/Gotenburgo-Svedio, bv. kontaktiĝi rekte kun la koncerna Kongresa Komitato.

BEL ne plu rajtas peri aliĝojn aŭ zorgi pri tiuj aferoj, kiel antaŭe, laŭ normoj de "Banco Central do Brasil".

Se vi interesiĝas pri afiŝoj, celante disvastigi tiun eventon, bv. peti al tiu Komitato, ĉar BEL ne disponigas tiun materialon.

## Departemento pri Komunikado

Pro grava san-kialo ĉe familiano, la direktoro Francisco Mattos de Oliveira, nia kara "Ŝiko", bezonis portempe liberiĝi de siaj taskoj ĉe la Departemento pri Komunikado. Tial, lastatempe ne kontentige funkciis la reagojn al ret-mesaĝoj senditaj al tiu sektoro de Ligo.

BEL-estraro estas solidara kun la kamarado Ŝiko en ĉi tiuj malfacilaj momentoj de lia vivo kaj petas de Dio por li kaj liaj familianoj ĉian bezonatan apogon.

## BEL luis la ĉambron n-ro 509

Cele malpliigi elspezojn kaj ŝpari iomete da monon, BEL-estraro decidis lui unu el la ĉambroj de la sidejo. Aliflanke, la ĉambro n-ro 103 (kie funkciis la unua sidejo de Ligo en Braziljo) estis reformita kaj plibonigita, celante aŭ starigi muzeon, aŭ gardi neforĵeteblaĵojn, aŭ lui, depende de la rezultatoj de la elspezaj malpliiĝoj.

Oni kredas, ke niaj taskoj povas efektiviĝi ĉe malpli granda spaco, sen malhelpi la taskoplenumantojn, ĉar BEL havas 8 ĉambrojn disponeblajn kaj la estraranoj kaj kunlaborantoj estas ĉirkaŭ 10 homoj!

## Tristaj okazintaĵoj

Ĉi-numera Brazila Esperantisto noticas en la 18-a paĝo, la forpasojn de niaj altestimataj gesamideanoj Gilbert René Ledon kaj Symilde Schenk Ledon, je la 3-a de marto, per tragika aŭtomobila akcidento.

Tutcerte la brazila kaj tutmonda esperantaj movadoj perdis du el iliaj plej elstaraj aktivuloj.

Nome de brazila esperantistaro, la estraro de BEL dankas al Symilde kaj Gilbert pro ĉio, kion ili faris por tuta la esperanta movado kaj precipe por Brazila Esperanto-Ligo.

# LA "NOVA PIV"

## GRAVAJ INFORMOJ POR BRAZILANOJ

Sylla Chaves

Oni petis, ke mi verku minirecenzon, kaj, pro la indikata vortolimo, mi prezentos nur la plej gravajn informojn por brazilanoj. Ĉar la prezo de PIV2 (la nova) estas tro alta por brazilanoj, multaj daŭre uzos PIV1 (la malnovan) aŭ konsultos la dulingvajn vortarojn, kiuj "blinde" sekvis PIV1 eĉ en ĝiaj evidentaj eraroj.

PIV2 malmulte kreskis rilate al PIV1. Al la ĉirkaŭ 15 000 kapvortoj en PIV 1 aldoniĝis 1 800. Tiuj, kiuj uzas nur oficialajn kaj ofte uzatajn vortojn, ne timu. La forigoj atingis nur la neoficialajn tro fakajn, konfuzajn aŭ senutilajn (**aetito**, **akrogena**, **deflagracio** ktp). Kaj la ŝanĝojn ni pli bone nomos korektoj, restaŭro de la lingvo de Zamenhof, minacata de tro inventemaj novemuloj.

En Esperanto la nura substantiva finaĵo estas "O". Oni rajtas diri **Maria**, **Jesaja**, **alfa**, **beta**, **sol**, **fa**, **mi**. Kiel en ĉiu lingvo, oni rajtas uzi fremdajn vortojn, sed oni ne rajtas inventi specialajn regulojn por pravigi siajn vortelektojn. Virinaj kaj bibliaj nomoj ankaŭ finiĝas per "O" aŭ aperas en la tekstoj sen-traduke. Kaj PIV2 indikas ilian fremdecon per klinliteroj.

Antaŭ ne longe mi konstatis (kun surprizo), ke la "tempesto en akvoglaso" kreita de kelkaj SATanoj, koncernas nur kvin landojn (el kiuj tri estas sudamerikaj). Neniu ĝis nun kuraĝos diri, ke kanadoj loĝas en **Kanadio** kaj usonoj en **Usonio**. Sed kelkaj insistas diri, ke braziloj loĝas en **Brazilio**, argentinoj en **Argentinio** kaj urugvajoj en **Urugvio**. Feliĉe PIV 2 (kvankam el SAT) obeis la Akademion, kaj por ĝi tiuj tri landoj estas **Brazilo**, **Argentino** kaj **Urugvajo**. Mi estas brazilano, mia lando estas Brazilo, kaj ĝia ĉefurbo estas **Braziljo**. Dankon, PIV2!

Recenzojn pli longajn mi faris (aŭ faros) en aliaj revuoj, kun indiko de kelkaj preseraroj. Taŭgajn informojn vi ankaŭ trovos en la TTT-ejo de akademiano Bertilo Wennergren (*www.bertilow.com/piv/*).




## En la portugala lingvo, jen

Geraldo Mattos

GRAMÁTICA COMPLETA do ESPERANTO

Fonto

*Kiam G. Mattos prelegas dumkongrese pri iu ajn gramatika temo, la sidlokoj en la aŭditorio estas disputataj de la aŭskultantoj, kiuj sin prezentas kun larĝe malfermitaj oreloj, klopodante kapti ĉiujn vortojn de la preleganto. Kompreneble, G. Mattos estas vere majstro pri Esperanto. Havu vi la faman profesoron je via dispono. Aĉetu ĉi-tiun libron.*

**GRAMÁTICA COMPLETA DO ESPERANTO**
**Ordinara prezo: R$ 20,00 € 9,00**
**Prezo kun rabato: R$ 11,00 € 5,50**
Geraldo Mattos
189 · 14 x 21cm
Broŝuro

Aĉetebla ĉe BEL

Fonto

# Brazila Kroniko



Perkoresponda Kurso de Esperanto

## Baza kurso nur por brazilanoj

*BEL disponigas bazan perkoresponadan kurson de Esperanto kun 30 lecionoj kies aŭtoro estas Prof-ro Geraldo Mattos. Distrumpetu tion en via amika rondo. Petu de BEL detalojn pri la kurso.*

La mondo bezonas Esperanton. Kial?

## Zamenhofa mesaĝo

*"Al la mond' eterne militanta.*
*Ĝi promesas sanktan harmonion"*

## Esperanto en Radio

*La programo "Noticoj pri Esperanto" dissendata de "Brasília Super Rádio FM" ĉiusabate je la 9-a kaj duono, de kelkaj monatoj zorgas ĝin la geedzoj Ursula kaj Giuseppe Grattapaglia. Reagoj al la programo estas bonvenaj. Jen la adresoj: Brasília Super Rádio FM, Base da Torre de TV, Box Nº 03, Brasília – DF, CEP 70070-300. Retadreso: superfm@superfm.com.br Hejmpaĝo: http://www.superfm.com.br/*

## Esperanto-Grupo Ismael Gomes Braga festas sian 20-jariĝon



*En la pasinta 18-a de Decembro, Esperanto-Grupo Ismael Gomes Braga, el la kvartalo Bangu (Okcidenta Regiono de Rio de Janeiro), 20-jariĝis. Fakte la datrevena festo okazis je la 21-a, ekde la 18-a horo, ĉe "Obra de Assistência à Infância" (Organizaĵo por Asistado al Infanoj) starigita en la kvartalo Bangu (Rio de Janeiro - RJ). La programo konsistis el enkonduka parto, prelegeto de Aloísio Sartorato, omaĝo al la fondintoj, disdonado de memoraĵoj al la ĉeestintoj kaj kunfratiĝa lunĉo, sekvita de karaokeado kaj dancvespero.*

*Laŭ Aloísio Sartorato*

## Esperantistoj katolikaj renkontiĝis en Sorocaba*

*Cele organizi kaj pligrandigi la agadon de BEKO (Brazila Katolika Esperantista Organizo), esperantistoj katolikaj renkontiĝis en la urbo Sorocaba (ŝtato São Paulo), en la 7-a/12/2002. Dum la evento estis elektita la nova estraro de BEKO nome: Prezidanto: Frato Leysester Miró; 1-a Vicprezidanto: Eliane; 2-a Vicprezidanto: Marciano Schaeffer; Kasisto: Eluízio Bueno Rodrigues; Sekretariino: Maria Ester; Publikaj Rilatoj: Elma do Nascimento. Pliajn informojn vidu ĉe la hejmo-paĝo: http://www.katolika.cjb.net/ aŭ skribu al: Caixa Postal 234, Sorocaba – SP, BR-18001-970. Ret-adreso: katolika@bol.com.br aŭ esperantokatolika_sp@hotmail.com.*




**Prononco: Sorokaba*

## Kie vi estas, samideano?

*Korespondaĵoj senditaj al Marlene Silveira Godoy, Miriam de Almeida Silva kaj Mônica Fernandes Silva Baraldi, revenis al BEL. Tial ni petas de tiuj, kiuj scias ilian adreson, bonvolu informi al BEL.*

## Lernejo festas Esperantan Kurs-finon

*Je la 7-a de decembro de la pasinta jaro, la lernejo "Centro de Ensino Chico Xavier" (Brasília /DF), organizis esperantan ekspozicion kadre de kiu prelegis D-ro Lício de Almeida Castro pri deveno kaj historio de Esperanto. La gelernantoj faris diversajn artajn prezentadojn. Specialan partoprenon faris Flávio Fonseca kaj la Grupo Nova Erao kantante plurajn muzikojn. Krom gepatroj kaj aliuloj, ĉeestis la eventon eksterlandano Arnau Torras, de Sabadel, Katalunio, kiu tiam estis vizitanta la brazilan ĉefurbon. La lernejo staras ĉe jena adreso: SQS 408, AE s/n, Brasília (DF) kaj tiea instruistino de Esperanto estas Maria Eurípedes de Queiróz, nova batalantino por Esperanto en la Federacia Distrikto.*




## TEK feste jarfinis

*La jaro 2002 estis tre favora por Taguatinga Esperanto-Klubo tial, ĉar dank'al malavara ago de iu, kiu anonime preferas resti, la Klubo funkcias ekde la 9-a de novembro de la pasinta jaro, ĉe propra sidejo en la jena adreso: C 12, Edif. Paranoá Center, sala 112 – Taguatinga Sul – Brasília / DF - CEP 72019-900. Pro tio, la jarfina tagmanĝo, okazinta je la 29-a de decembro, havis specialan ĉarmon kaj bonguston krom favorigi specialan momenton interŝanĝi la tradiciajn bondezirojn.*





## Ludi en la Ĝangalo!

*De nun jam eblas amuziĝi en Ĝangalo per novaj manieroj. Ekde la 24-a de januaro, la portalo disponigas al siaj membroj la eblecon ludi interrete, sola aŭ kontraŭ nia komputila sistemo. La ludojn vi trovos ĉe la nova sekcio "Ludoj". Ĉio en Esperanto! Amuziĝu!*
*El komunikoj de www.gxangalo.com.*

*Fonto: ret-info*

## Esperantisto El Sabadell vizitas BEL-Sidejon kaj donacas librojn

*Vizitis BEL-sidejon, je la 5-a de decembro 2002, la esperantisto de Sabadell (Katalunio) Arnau Torras. La vizitanto estas pentristo-desegnisto kaj unu el la kunlaborantoj de "La Kancerkliniko", esperanta revuo eldonata en Francio.*
*Dum la vizito, S-ro Arnau Torras riĉigis la Bibliotekon "Carlos Domingues", de BEL, per donaco de tri el siaj verkoj nome: 'La D-ro Esperanto serĉas la bonan etoson', 'La romantikulo en la XX-a jarcento' kaj 'Pli ol homo, esperantisto!'.*
*Arnau intencas eldoni du novajn albumojn en nia lando mem...BEL ĝustatempe informos vin pri ilia apero! Li intencas ankaŭ turistumi en nia lando, kaj daŭre pentri-dekoracii en paradizaj lokoj, li, ekz. jam tion faris dum 6 semajnoj en la bieno-lernejo Bona Espero (Alto Paraíso, Goiás).*

# PARO LEDON ADIAŬIS NIN

*Aŭtomobila akcidento malpliigis la esperanto-movadon je du el ties plej sindediĉaj agemuloj*

Estis karnavalo. Plej multe el brazilanoj amuziĝadis. Ĉi-etose la notico trakuris Brazilon: en la 3-a de marto mortis Symilde Schenk Ledon kaj Gilbert René Ledon. Ĉiuj ni, samideanoj, estas konsternitaj pro la senkonsola perdo kaj tutkore solidaras kun la Ledon-familio.

Tutcerte de nun la movado, la esperantaj kongresoj ne plu estos la samaj. La paro efektive lasos malplenaĵon en Esperantujo malfacile plenigebla. Vere ni jam ilin saŭdadas.

Omaĝe al la karaj forpasintoj, ĉi sube ni transkribas kelkajn informojn, kiujn afable ilia filino S-ino Lilia Ledon da Silva sendis al Brazila Esperanto-Ligo:

***Symilde Schenk Ledon***, ekprezidantino de BEL, naskiĝis en Porto Alegre (Brazilo), je la 4-a de Julio 1926, kaj mortis en Tremembé, proksime de Campos do Jordão (São Paulo), je la 3-a de Marto 2003, kune kun la edzo, Gilbert René Ledon, kaŭze de aŭtomobila akcidento.

Ŝi lernis Esperanton en 1946, aŭtodidakte.

En 1952, Esperanto-grupo de la brazila urbo Pelotas publikigis anoncon en la revuo de UEA (Universala Esperanto-Asocio), kun peto de korespondado. Symilde kaj Gilbert interŝanĝis 300 leterojn, kaj li venis el Francio al Brazilo por geedziĝo, kio okazis en 1954.

Ŝi intense dediĉis sian vivon al la lingvo iniciatita de Zamenhof. Antaŭ ok jaroj, ŝi skribis, ke, post diversaj vivtenadaj okupoj, senhezite ŝia nuna profesio iĝis esperantismo, ĉar en tempo totala.

Inter ŝiaj okupoj rekte antaŭ la morto (tial sen mencio de la multegaj eksaj kaj nunaj), alfabete estis: Verkado de Artikoloj; Ĉefdelegito de UEA; Deĵoranto ĉe EASP (Esperanto-Asocio de San-Paŭlo); Delegito de UEA; Fakdelegito de UEA; Komitatano "A" de UEA; Paroladoj; Prezidantino de EASP; Redaktoro de la bulteno "Regione"; Tradukoj; Verkisto.

La geedzoj inter si parolis nur en Esperanto.

Ili tre aktive partoprenis en kongresoj en la tuta mondo.

Iliaj tri gefiloj, Lilia, Marcel kaj Berenice, lernis Esperanton ekde la naskiĝo.

***Gilbert René Ledon*** naskiĝis en kampara vilaĝo de Francio, je la 3-a de Aŭgusto 1931.

19-a jara, li eklernis Esperanton.

De tiam, li diligente kaj senĉese laboris kaj skribis por SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda).

Krome, en 1980, li komencis skribi artikolojn por diverspecaj ĝeneralaj revuoj.

Kaj ekde 1983, li aperigis librojn pri diversaj temoj.

Inter liaj okupoj rekte antaŭ la morto (tial sen mencio de la multegaj eksaj kaj nunaj), alfabete estis:

Verkado de artikoloj; Fakdelegito de UEA; Konsilanta membro de EASP; Membro de SAT; Paroladoj; Verkisto; Vicdelegito de Universala Esperanto-Asocio.



Glibert kaj Symilde Ledon

# Nekrologoj

## Iara Silva Miranda



Ŝi forpasis je la 5-a de januaro, en Braziljo, urbo ĉe kiu ŝi lastatempe vivis kaj kie ŝi estis enbombigita. Ŝi partoprenis en multaj esperantaj eventoj. Multfoje, precipe kadre de naciaj kongresoj, ŝi plezurigis la ĉeestantaron pere de muzikprezentado. Ŝi plenumis centjariĝon. Je la forpaso, ŝi estis la plej âga esperantisto de Brazilo.

***Laŭ informoj de Adolpho M. Silva***

## Maína Dalva Miguez Pinto

Ŝi forpasis je la 31-a de decembro pro aŭtomobilakcidento. Maína estis konstanta kaj fidela kunlaborantino de Kultura Kooperativo de Esperantistoj, kie ŝi lastempe deĵoris tri foje semajne. Ŝi ĉiam aktive partoprenis en ĉiuj Esperantaj eventoj, inkluzive la lastan UK en Fortalezo. Ŝi estis enterigita en la tombejo de Cajú, kvartalo de Rio de Janeiro.

***Laŭ informoj de Aloisio Sartorato kaj Elma Nascimento***

## Otaviano Curvelo de Souza (1922-2001)

Li forpasis je la 26-a de junio 2001, en Itabuna (Bahia). En 1956 li fondis Bahian Esperanto-Asocion. Rilate al Esperanto li gvidis plurajn bazajn kursojn, verkis gazetajn artikolojn, partoprenis plurajn kongresojn. Sian esperantan bibliotekon li lasis al la "Universidade Estadual de Santa Cruz".



***Laŭ informoj de Hilmar I. S. Ferreira***

## D-ro Antônio Martins Filho



Forpasis je la 21-a de decembro D-ro Antônio Martins Filho, rektoro de Federacia Universitato de Cearao kaj granda amiko de Esperanto. Li dediĉis sian vivon al edukado en nia lando, Brazilo, precipe en Cearao, kie li fondis la menciitan Universitan. En la jaro 1964, dum vizito al Brazila Kongreso de Esperanto, en Fortalezo, li entusiasmiĝis kaj promesis apogi esperanton en nia lando. Vere li faris tion. Dum lia ĉeesto kiel rektoro de la Universitato, al Esperanto li donis al domon, meblojn kaj sufiĉajn rimedojn por la funkciado de la Internacia Lingvo.

***Laŭ informoj de Prof-ro. Paulo Amorim Cardoso***

# Koran dankon, karaj geedzoj!

Mi neniam havis la okazon konatiĝi kun la geedzoj Gilbert kaj Symilde. Tio ne gravas, ĉar malplej gravaj ĉe l'homaj interrilatoj estas la cirkonstancoj limigitaj al la fenomena mondo. Gilbert kaj Symilde, ilin ambaŭ mi konis laŭ iliaj idealoj, ilia plena, senkondiĉa sindono al la granda, nobla afero, unuiiganta la bonintencajn homojn en la tuta mondo. Nun ni ne plu povas ĝui ilian materian ĉeeston kaj ilian ĉiutagan ekzemplon.Tamen, ilia senmorta esenco eterne restos en nia memoro kaj en nia koro. Kaj en la Spirita Mondo ili certe aŭdos la sincerajn preĝojn, kiujn ni faros al Dio, por ke ili estu rekompencataj pro la homama servado en la Esperanto-movado.

Ili kune batalis, kaj kune ĉieleniris...

***Benedicto Silva***
***São José do Rio Preto - SP***

## Kriptogramo

Plezure mi prezentas facilan, amuzan, interesan kaj instruan *Vortludon.* Jen la maniero facile solvi ĝin: Unue observu, ke sube kaj dekstre troviĝas kvadratetoj, kelkaj kun numeroj ene de ili. Aliflanke, sube sed maldekstre, videblas difinoj. Post la korekta solvo de tiuj difinoj, ekaperos ene de la ruĝaj (reliefaj) kvadratetoj, literoj per kiuj oni formos la nomon de la plej fama lingvisto el la mondo. Numeroj egalaj, literoj ankaŭ egalaj. Por faciligi, malsupre (piedpaĝe), troviĝas numerlitertabelo kiun oni povas konsulti, sed spertuloj kaj daŭrigantoj ne bezonas konsulti tiun tabelon, laŭ mi kredas. Ek al la cerbumado senprokraste, kaj certe vi pligrandigos vian konadon pri la lingvo. *- José Saraiva Matos - Rua Edgard Loureiro, Q2 Lote 5-a 41150-070 - Resgate/Cabula - Salvador - Bahia - Brazilo*

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 01 | "Malrapide moviĝanta, malema al ekzerciĝo..." | | 12 | 8 | 19 | 13 | 10 | 11 | 12 |
| 02 | "Turmentege mortigi iun, sidigante lin sur..." | 18 | | 7 | 16 | 6 | 2 | 15 | 16 |
| 03 | Bizanco. | 17 | 16 | | 12 | 8 | 4 | 16 | 10 |
| 04 | Meti en embarason. | 21 | 15 | 17 | | 11 | 12 | 6 | 16 |
| 05 | Tenadi ies atenton, vekante scivolon. | 16 | 8 | 4 | 21 | | 21 | 6 | 16 |
| 06 | "La edzino de Odiseo, kiun ŝi fidele kaj ..." | 18 | 21 | 8 | 21 | 7 | | 18 | 12 |
| 07 | "Aldoni senefikan, malbonkvalitan elementon..." | 12 | 5 | 2 | | 4 | 21 | 4 | 16 |
| 08 | "Aparato por aliformigi la distribuon..." | 5 | 16 | 14 | | 22 | 16 | 7 | 10 |
| 09 | "Troviĝanta sub fremda regado, kaj deziranta ..." | 16 | 11 | 21 | | 21 | 8 | 4 | 12 |
| 10 | Fari, ke iu aŭ io laboru. | 7 | 12 | 17 | | 11 | 16 | 19 | 16 |
| 11 | "Metala aŭ leda ujo, en kiun oni enmetas..." | 19 | 7 | 12 | | 16 | 8 | 19 | 10 |
| 12 | Rilata al Jupitero. | 3 | 2 | 18 | | 4 | 21 | 11 | 12 |
| 13 | "Apofizo de la supra ulna ekstremaĵo..." | 10 | 7 | 21 | | 11 | 12 | 8 | 10 |
| 14 | Fari ion vaporo. | 13 | 12 | 18 | | 11 | 16 | 19 | 16 |
| 15 | Zooforma. | | 10 | 10 | 15 | 10 | 11 | 14 | 12 |
| 16 | "Spektaklo konsistanta el diversaj, inter. si... " | 13 | | 11 | 16 | 21 | 4 | 21 | 10 |
| 17 | "Prezentanta la popularan formon de la ..." | 5 | 21 | | 10 | 4 | 16 | 20 | 12 |
| 18 | "Eco de doktrino kontraŭa al la dogmo aŭ..." | 1 | 21 | 11 | | 22 | 21 | 9 | 10 |
| 19 | "Prezentanta la formon de la lingvo, parolata..," | 11 | 10 | 15 | 12 | | 16 | 20 | 12 |
| 20 | "Maŭra palaco en Granado, fama..." (Inv) | 10 | 11 | 17 | 15 | 12 | | 7 | 12 |
| 21 | Ano el nomada araba gento. (PL) | 17 | 21 | 5 | 2 | 21 | 8 | | 3 |
| 22 | Doni la francan karakteron al: (Inv) | 16 | 19 | 16 | 9 | 8 | 12 | 11 | |

| 01 | 02 | 03 | 04 | 05 | 06 | 07 | 08 | 09 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| H | U | J | T | D | S | L | N | C | O | R | A | V | F | M | I | B | P | G | K | E | Z |

RIMARKO: 1 - INV (interparenteze), indikas ke la vorto estas invertita.
RIMARKO: 2 - PL (interparenteze), indikas ke la vorto estas en pluralo.



## KORESPOND-DEZIRAS

**36 J. Filozofistudento**, interesoj: Martinus kosmologio, vojaĝado, kulturoj, montpromenoj. Adreso: Renee Aagesen, Myrveien 17, NO-9020 Tromsdalen, Norvegio, rete: *rl-a@online.no* aŭ: *rla@online.no* .

---

**21 j. sinjorino** adreso: Malihe Vakili, NO:4, K: 4 Garbi, Kn: Fakuri, Ashrafi Esfahani, Punak, Tehran, Irano.

---

**Grupo de komencantoj**. Adreso: Michel Dialundama, Braza Esperanto-Centro, Rue Bakoukouyas N-ro 152, Quenze-Brazzaville, Republique du Kongo.

---

**14 j. komencanto**, interesoj: Gitaroludi (klasiko kaj ĵazo), tabloteniso (kiel postulema sporto), velado, informadiko, fiziko. Adreso: Malte Milatz, Cusanushof 32, DE-41812 Erkelenz, Germanio, rete: *malte.milatz@epost.de* .

---

**Nepalano**, interesoj: fotoj, ĵurnaloj, lingvoj. Adreso: Navin Lal Shrestha, G.P.O. Box 11753, Kathmandu, Nepal, rete: *navinlsrs@hotmail.com* aŭ *navinlsrs@hotmail.com* .

## MONDA PANORAMO

### *MONDFEDERALISTOJ FAVORAS AL ESPERANTO*

La Mondfederistoj voĉdonis rezolucion favore al Esperanto okaze de la 24-a Tutmonda Kongreso de la Mondfederista Movado (World Federalist Movement [WFM])

Kunsidinta en Londono, Britio, de la 11-a ĝis la 15-a de julio 2002:

KONSIDERANTE, KE demokrata monda federacio postulas la interŝanĝon de ideoj inter ĉiuj en la monda komunumo,

KONSIDERANTE, KE la Esperanto-movado subtenas la mondfederistajn idealojn de mondcivitaneco kaj de egalaj rajtoj por ĉiuj membroj de la monda komunumo,

KONSIDERANTE, KE ĉi-tiu organizaĵo en la jaro 1977 alprenis rezolucion, kiu subtenas la uzon de Esperanto fare de la mondfederistoj,

KONSIDERANTE, KE la Mondfederista Movado estas membro de la Koalicio por Internacia Help-lingvo,

Ni rezolucias,

- ke la Mondfederista Movado kuraĝigu siajn membrojn lerni la nenacian lingvon Esperanton.

*Fonto: revuo INTER NI n-ro 25 (3/2002).*



HUMURAĴO

### *KATO KAJ MUSO*

*Post esti persekutata de kato dum sufiĉe longa tempo, la muso sin kaŝis en subtera truo, kaj tie restis dum kelkaj horoj, ĝis kiam, aŭdante hund-bojojn, ĝi pensis ke la kato jam estas foririnta kaj ĝi eliris por promeni.*

*Tamen, tuj eksteren metis la kapon, ĝi estis kaptita de la kat-ungegoj.*

*— Ĉu vi imitas hund-bojojn? Mire demandis la muso.*

*Kaj la kato respondis:*

*— Mia amiko, en ĉi tiu globiĝita mondo, kiu ne parolas du lingvojn, malsate mortas.*

ĈU VI SCIAS?

Ke en Nov-Jorko, Ralph Harry, kiel reprezentanto de sia lando (Aŭstralio) ĉe UN, li sukcesis aldoni sian voĉon en Esperanto al la deklingva mesaĝo konfidita al Pioneer-satelito forveturonta al la galaksio?

*Laŭ Giorgio Silfer en HE n-ro 14 (2026), paĝo 1-a.*

*Teksto de* Gary Simas *Desegnoj de* Elison *Traduko de* Carlos Maria





























# 38-a Brazila Kongreso de Esperanto

Temo:

## Esperanto kaj Civitaneco

23-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso

Aŭspicio:
BRAZILA
ESPERANTO-LIGO

20-24 de Julio 2003 - Belo Horizonte-MG

Loko: Centro de Turismo, Conven ões e Lazer SESC-Venda Nova

Organizo:
SOCIETO ESPERANTISTA
DE MINAS GERAIS

Capemi
INSTITUTO CAPEMI DE A ÃO SOCIAL




INFORMOJ:
**SOCIETO ESPERANTISTA DE MINAS GERAIS (SEM)**
Rua Guajajaras410 - sala 810 - Centro -
Belo Horizonte - MG CEP: 30180-100
**TEL.: (31) 3212-5533**
**RETADRESO: sembh@yahoo.com.br**



